# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 4 (65) aŭgusto 2011*




**en la numero**

*rezultoj de UK-96 kaj versa raporto pri IJK-67*
*poeto kaj tradukisto D.I.Vigodskij*
*forpasis Magomet Isajev*
*rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA*
*"Bulteno de REU", novaĵoj kaj multo alia*

**Moskvo, 2011**

# enhavo


01 UK-96: inaŭguro
02 Rezolucio de la 96-a UK
03 La Kopenhaga UK fermita, Hanojo kaj Rejkjaviko atendas
04 Inter junaj koroj (raportetoj pri IJK-67)
06 TEJO ricevis novan Estraron kun nova prezidanto
07 Sufiksaj E-vortoj mankaj en la rusa lingvo
16 Ukrainia klubo deziras korespondi
17 Intervjuoj kun eksprezidantoj de REU
22 UEA ricevis tri novajn honorajn membrojn
22 Diplomoj de UEA al 12 elstaraj agantoj
23 Denove helpo al Esperanto-bibliotekoj
23 Nova REU-membro por 2011
24 Kotizoj de REU/REJM por 2011
25 Nova adresaro de Pasporta Servo aperis
25 Premio Onisaburo Deguĉi al Hori Jasuo
26 Poeto kaj tradukisto D.I.Vigodskij
29 Tradukoj de D.Vigodskij
32 Du konkursoj nuligitaj
32 Subvencio Cigno en 2011
k2 Forpasis Magomet Isajev
k3 Rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA




*La 20-an de junio en Moskvo forpasis elstara sovetunia kaj rusia lingvisto, profesoro Magomet Izmajloviĉ Isajev (1928-2011), prezidanto de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE) en 1979-1989.*


## REGo
(Rusia Esperanto-Gazeto)

№ 4 (65) aŭgusto 2011

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2011:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 450 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono** – 200 rub. (5 eŭroj)*

# UK-96: INAŬGURO

La 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago estis inaŭgurita dimanĉon, la 24-an de julio en la kongresejo Bella Center. Komence de la inaŭguro la kongresanaro omaĝis per impresa silenta minuto la viktimojn de la terorisma atako en la najbara Norvegio du tagojn pli frue. En la fina parto de la solenaĵo, kiam reprezentantoj de la partoprenantaj landoj salutis la kongreson, la publiko ankoraŭ duan fojon esprimis sian kunsenton aliĝante, starante, per longa aplaŭdo al la alvoko por amo inter homoj fare de Ingebjørg Rambjør el Norvegio.

En la inaŭguro ĉeestis la belga ambasadoro J.-F.Branders, la kuba ambasadoro G.Vázquez Moreno, la slovaka aferŝarĝito M.Pospisilova kun konsilisto J.Reinvart, la franca ataŝeo A.Sgambato, la germana ambasada konsilisto Marko Lins kaj la honora konsulo de Bosnio-Hercegovino prof. K.Fledelius.

Kun forta aplaŭdo oni akceptis la salutmesaĝon de la ĝenerala direktoro de Unesko. Jam tradiciajn mesaĝojn sendis d-ro Louis C. Zaleski-Zamenhof, urbestro Gerhard Walter de la Esperanto-urbo Herzberg kaj la prezidanto de la plenumkomitato de SAT Jakvo Schram. Propravoĉe la kongreson salutis estrarano Nico Huurman por TEJO, prezidanto Stefan MacGill por ILEI kaj vicprezidanto Brian Moon por la Akademio de Esperanto.

La ĝenerala sekretario de UEA Barbara Pietrzak anoncis la freŝan decidon de la Komitato pri elekto de tri novaj Honoraj Membroj de UEA: d-ro Detlev Blanke, d-ro Renato Corsetti kaj s-ro Rob Moerbeek. La kongresanaro gratulis la honoritojn per aklamo.



*tablo de REU dum Movada Foiro*

La 96-a UK estas dediĉita al la Internacia Jaro de Junularo, kies temo "Dialogo kaj interkompreno" estas ankaŭ la kongresa temo. Enkondukon al la temo faris la direktoro de la Kopenhaga oficejo de la Loĝantara Fonduso de UN (UNPF), s-ino Pernille Fenger, kiu traktis en sia parolado la agadon por la Jarmilaj Evoluigaj Celoj de UN aparte koncerne junularon. Mallongan klarigon pri la posta traktado de la temo dum UK faris la kongrestema reĝisoro José Antonio Vergara. La inaŭguro kulminis per la festparolado de la prezidanto de UEA prof. Probal Dasgupta.

La ĉefe parolan programon agrable interrompis muzika paŭzo. Konvene por la Jaro de Junularo prizorgis ĝin junula instrumenta kvarteto, kies ludado de popola muziko allogis la aŭdantaron al laŭritma manklakado. La kvarteto ankaŭ invitis la

ĉeestantojn viziti la junularan programon, ĉi-foje forte videblan en la Kongreso.

Post la ĉiam populara kavalkado de landaj salutoj, la solenaĵo finiĝis per komuna kantado de “La Espero”.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## REZOLUCIO DE LA 96-a UK

Ni, la partoprenantoj en la 96-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj al Kopenhago el 66 landoj por komune dialogi pri la iniciato kiun UN lanĉis per la proklamo de Internacia Jaro de la Junularo,

***efektiviginte*** multvidpunktan diskutadon pri tiu temo, en etoso de interkomprenemo kaj efika komunikado,

***ĉerpinte*** el niaj unuopaj kaj kolektivaj spertoj kiel anoj de diversaj socioj, aĝogrupoj, etnoj, seksoj, mondbildoj, politikaj sintenoj kaj religiaj konvinkoj,



*Aleksandr Kogan kaj Galina Terentjeva*

***agnoskinte*** la kontribuojn de la junularo al la socio kaj la neceson malfermi ŝancojn por ĝia partopreno en la kolektivaj decidoprocezoj, por taŭge alfronti la diversajn defiojn kaj ŝancojn de la nuna realo – sociekonomiajn, ekologiajn, politikajn, teknologiajn ktp – cele al la estonteco de la homaro kaj la planedo,

***konstatinte*** ke tra la epokoj kaj kulturoj, la diversaj generacioj rilatis inter si laŭ variaj modeloj kaj strategioj, kun foja estiĝo de aparta junulara kulturo, kaj ke en la Esperanto-movado mem tio esprimiĝis ekz. per la efike avangarda rolo plenumita de ties junulara branĉo en apartaj historiaj turnopunktoj,

***rekomendas***

ke la unuopaj organizaj instancoj kaj sociaj medioj de la Esperantaj movado kaj komunumo aktive strebu al la kreado de taŭgaj kondiĉoj por kontakto, alproksimiĝo kaj kunlaborado inter junuloj kaj aliaĝuloj, ke la anoj de la malsimilaj aĝogrupoj en Esperantujo iĝu pli konsciaj pri la potencialo kiun por intergeneracie kontentigaj rilatoj liveras la esperantisma ideo mem de reciproka respekto kaj ambaŭdirekta bona volo,

***alvokas***

al UEA, TEJO kaj iliaj respektivaj landaj organizoj pliproksimigi tempe kaj geografie siajn kongresojn, same internaciajn kiel landajn kaj regionajn, per kunordigita decidado, al konkretaj paŝoj ĉiunivele por kunagigi esperantistojn rete kaj eksterrete agantajn, same por enmovadigi perretajn lernintojn de la lingvo, kiel por helpi la tradician movadon adaptiĝi al la nuna epoko.

*Kopenhago, la 30-an de julio 2011*

## LA KOPENHAGA UK FERMITA, HANOJO KAJ REJKJAVIKO ATENDAS

Sabaton, la 30-an de julio, finiĝis la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago per la Solena Fermo, kiun gvidis la prezidanto de UEA, prof. Probal Dasgupta. Ĝenerala sekretario Barbara Pietrzak faris resuman raporton pri la laboraj, klerigaj kaj kulturaj programeroj, kiuj disvolviĝis dum la kongresa semajno. D-ro José Antonio Vergara, kiu reĝisoris la traktadon de la kongresa temo, ligita al la Internacia Jaro de Junularo, legis la kongresan rezolucion, en kiu kristaliĝis la konkludoj el tiu traktado.

Estraranino Claude Nourmont anoncis la rezultojn de la Belartaj Konkursoj kaj Oratora Konkurso. Estrarano Amri Wandel disdonis diplomojn pri elstara agado al ok meritplenaj movadanoj kaj diplomojn pri elstara arta agado al kvar kulturaj agantoj. Estraranino Maritza Gutiérrez anoncis la ricevantojn de la subvencio Cigno kaj transdonis la "esperantistan pacpremion", Premion Deguĉi, al s-ro Hori Jasuo el Japanio. Estraranino Loes Demmendaal transdonis diplomojn pri 50-jara kaj 40-jara seninterrompa membreco en UEA.



*Nanne Kalma kaj Ankie van der Meer (nuna konsisto de "Kajto") kun Ĵomart kaj Nataŝa*

Post la ferma festparolado de la prezidanto Dasgupta la partoprenantoj de la Internacia Infana Kongreseto ĝojigis la publikon per du kantoj. Poste la LKK-prezidantino Ileana Schroeder kaj Konstanta Kongresa Sekretario Clay Magalhães invitis sur la podion la LKK-anojn kaj la helpantojn, kiuj ricevis rozojn kaj fortan aplaŭdadon de la dankema kaj evidente tre kontenta kongresanaro.

Fine sekvis la transdono de la kongresa flago, kiun el la manoj de s-ino Schroeder akceptis la prezidanto de LKK de la 97-a UK, s-ro Nguyen Van Loi, kiu kore bonvenigis la kongresanojn post unu jaro al Hanojo. Pli frue, Barbara Pietrzak anoncis la decidon de la Estraro de UEA, ke la 98-a UK en 2013 okazos en Rejkjaviko, 36 jarojn post la antaŭa UK en la islanda ĉefurbo.

Post la komuna kantado de "La Espero" sub la gvido de la Internacia Koruso kaj ĝia estro Alan Bishop la prezidanto de UEA deklaris la 96-an UK fermita.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

*Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*

## Inter junaj koroj

*raportetoj pri IJK-67*

**1.**

Aĥ, kiaj gejunuloj estis,
kaj kiom da!
Animo mia ĝue festis
gapante tra
la prismon de la juna gajo
al la event'.
Sendube estis mia gajno
ĉiu moment'.
Nun, inter miaj punlaboroj,
mi ĝojas pro
la feliĉigaj rememoroj
de IJK.



*filinoj de miaj amikoj*

**2.**

Dekomence estis krizo
pri la organizo,
ĉar subite l' ĉefjunulo
iĝis malsanulo.

Kompatinda Mikaelo
dum preparlaboro
tro fervoris en akcelo –
perfidis la koro...

La fadenojn, kiujn tenis
li per mano lerta,
ĝustatempe ne transprenis
junular' nesperta.

Do komencis ni per bruo –
tohuvabohuo.

**3.**

Mi tuj elĉerpu tiun temon tristan,
dirinte, ke krizeto post krizet'
skuadis l' aron geesperantistan.
Jen mankas la papero en klozet'.
Jen akvo en duŝejo nur malvarma.
Jen dum koncertoj pro l' sidad' sur plank'
doloras la sidvangoj – vere, larma,
sed tolerebla estas tiu mank'.
Nun espan mondon skuas la kritikoj,

sed mi en rememoroj trovas tuj,
ke antaŭ tri jardekoj, geamikoj,
kutimis ni en la Esperantuj'
koncertojn ĝui nur ĉelignofajre,
por lav' matena iri al river',
kaj necesejoj... kredu, ke mi fajfe
akceptas nunajn mokojn pri l' afer'.
La mond' progresas, do la postulemo
pri loĝkondiĉoj, certe, estas nun
normala. Tamen tiu ĉi problemo
ne pleje gravas por diboĉa jun'.

**4.**
La junularo diskotekas ĝis mateno.
Pro tio min eĉ tre ĝojigis la alveno
de kvar-kvin-ses-sep vekiĝintoj al preleg'.
Neniaj plendoj, vere, ĉar la samaj kvantoj
venadis ankaŭ al aliaj prelegantoj –
ja estas ekster konkurenc' la diskotek'.
Al unu el prelegoj miaj venis unu,
sed kia unu! Ekster troa emoci'
mi diru veron (pro l' mensog' min dio punu!):
neniam tian aŭskultanton havis mi!
Memkompreneble, la prelegoj posttagmezaj
rikoltis pli da aŭskultantoj, certe, jes.
Sed pro varmego de l' siestaj horoj pezaj
la kunvenintoj brave dormis post tagmez'
reakirante fortojn por la diskoteko...

**5.**
Kun Nataŝa
kaj Ĵomart
en malkaŝa
kuirĉambro
mi trinketis
por bonfart',
kaj tremetis
reva ĉarmo
de l' plej nobla
alkohol'
en laŭeble
eta gluto.
Kaj kompren'
pli fortis ol
vodko kun



*Ĵomart Amzejev*

la nom’ “Mamuto”.
Havis fundon
la botel’.
Havis finon
la enhavo.
Sed senfina
estis de l’
babilad’
kvieta ravo.
Kaŭre fuĝis
ĉiu plag’.
Laŭte muĝis
diskoteko.
Ni babilis.
Nova tag’
jam jubilis
ĉe la eko –
friske vokis
al promen’,
al susura
strat-lascivo.
Ni feliĉaj
estis en
nova tag’
de nia vivo.



---

## TEJO RICEVIS NOVAN ESTRARON KUN NOVA PREZIDANTO

Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) ricevis novan Estraron en la 67-a Internacia Junulara Kongreso okazinta en la ukrainia ĉefurbo Kievo. Łukasz Żebrowski el Pollando fariĝis la nova prezidanto, transprenante la postenon de la aŭstro Gregor Hinker, kiu gvidis la junularan sekcion de UEA dum du oficperiodoj ekde 2007. En la antaŭa Estraro Żebrowski respondecis pri kongresoj kaj aktivula trejnado. Ankaŭ du aliaj estraranoj estis reelektitaj: Paulína Kožuchová el Slovakio daŭrigos kiel ĝenerala sekretario, dum la antaŭa kasisto Sergeo Tirin el Israelo ekde nun respondecas pri informado. Kvin anoj de la 8-kapa Estraro estas novaj: Alisa Nikitina el Ukrainio (kasisto), Nico Huurman el Nederlando (aktivula trejnado), Petra Smidéliusz el Hungario (landa agado), Michael Boris Mandirola el Italio (eksteraj rilatoj) kaj Tina Tišljar el Kroatio (kongresoj). La elekto de la nova Estraro okazis en la kunsido de la Komitato de TEJO la 16-an de julio. Per komuniko en la retejo de TEJO la Estraro, kiu stiros TEJO-n ĝis 2013, “dankas pro la fido de la komitatanoj kaj strebos laŭeble plenumi ĉiujn esperojn je ĝi”.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# SUFIKSAJ E-VORTOJ MANKAJ EN LA RUSA LINGVO

## parto 2 [1]

### Sufikso -EG-

... kaj post la fermo de la Festivalo – granda internacia koncerto. La etoso estis **amikega**, kaj dufoje, dum la malgranda teumado por gastoj, instruistoj kaj organizantoj... sonis plej varmegaj gratuloj al la Festivalo.
*Jekaterina Ignatjeva, or., Rusio, REGo, 2000, 2, p. 7*

... la organgrefto el cerbomortinto povas esti: ... 2) Kuracado, kiu igas ricevanton kovi malhumanan egoisman ideon **atendegi** la morton de donacanto...
*Ŝigeki Maeda, el la japana, Oomoto, 445 (jul. – dec. 2000), p. 23*

Streĉita sub la littukoj, kun ungoj en la mankavoj, kaj mordante siajn lipojn, ŝi tuta estis nur **aŭskultego**. Rigida timgvatado. Nedubeble, iu katpaŝe piedumis la dikan tapiŝon.
*Lorjak, or., Francio, Eŭlalia, HEA, Budapesto, 1984, p. 23*

– Atendu. Mi invitas vin al la **buŝego** da biero. Kaj rakontu...
*Csaba Finta, el la hungara, Sferoj-1, 1982, Hispana E-Federacio, p. 66*

De kelkaj jaroj vi estas emeritulo, sed certe vi ne enuas, Esperanto kaj fungoj ne estas simplaj ĉevaletoj, sed **ĉevalegoj**. Ĉu vi havas ankaŭ aliajn hobiojn?
*Paola de Zilah, el la slovaka, La Gazeto, 104 (jan. 2003), p. 11*

Se viro veturas ien por monato, li kunprenas unu superfluan ĉemizon, paron da ŝtrumpoj, razilon kaj – en esceptaj okazoj – puloveron. Kaj virino veturigus du valizojn da **diversega** vestaro...
*Inita Tamošiūniene, or., Litovio, Litova Stelo, 1995, 4, p. 28*

Do, li longtempe atendadas. **Egegege** longtempe. Finfine kiam...
*Marie-France Conde Rey, el la franca, Femina, 4, 2005, p. 18*

La nivelo de la prelegoj estis **elstarega** enhave kaj lingve.
*David Bisset, or., La Ondo de Esperanto, 2001, 6, p. 6*

Mi tamen riskas la diron, ke tiu verko estas granda, kuraĝa ago de turmentata poeto por savi sian spiriton en tempo de teruro; des pli alta estas tiu **farego**, kiam oni konsideras, ke la poeto estas jam maljuna homo, kies tuta vivo estis dolorplena...
*Baldur Ragnarsson, or., Islando, Norda Prismo, 1958, 4, p. 234*

Junulara E-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko esprimas sian plej sinceran dankon pro la helpo al Oĉjo Dadaev... kaj ĉiuj aliaj, kiuj **helpegis** fari tiun ĉi LF sukcesa.
*Jekaterina Ignatjeva, or., Rusio, REGo, 2000, 2, p. 7*

Mi komencu per la etoso revidi Esperantajn geamikojn kaj gekonatojn, konatiĝi kun la novaj, kaj diskuti kun ili longe kaj fruktodone dum **horegoj** en bela pejzaĝo... [-eg- – pozitiva emocio – rim. de A.G.]
*Claus Günkel, or., La Ondo de Esperanto, 2000, 11, p. 13*

... kaj ŝi ne demandis, ne montris tiun **inegan** scivolon, kio tuj altigis ŝin en mia estimo.
*J.H.Rosbach, or., Norvegio, Silka kuseno, Oy Mendoservo Ak, Finnland, 1991, p. 26*

---

[1] La unua parto aperis en REGo № 3 (64), 2011.

Tiu vespero dum la IJK'96 estis **iometege** embarasa! Jes ja. Mankis ne kontribuoj – sed prudento!
*Rolfo, or., Esperanto, 1996, 11, p. 188*
Post du horoj dispordiĝos nia subtera karcero kaj unuafoje post la senfina **jarego** ni revidos la lumon.
*or., Jugoslavio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 58*
Mi emas kabei, kaj rakontos kial... De **jaregoj** mi ne plu povas varbi iun ajn per niaj kutimaj, duonfalsaj argumentoj. Same perdiĝis la emo iri al kongresoj...
*Jorge Camacho, or., Hispanio, La Ondo de Esperanto, 2002, 1, p. 17*
Ĉu ĝi ne tro similas al la kazo de cirka ĉevalo kiu scipovas legi? Jes, certe, **jesege**.
*Radoslaw Novakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 189 (feb. 2001), p. 34*
La rezulto de la testo montris klaran **jesegon**.
*Paul Gubbins, or., Monato, 1996, 11, p. 18*
... dum mia mastro Ĉokan, svingante per la vasta ĉifonita jako, alkuregis antaŭ la stalon kaj min **ekkaptegis** je la tenilo. Ho, jen al mi armilo. [rakontas forkego (personigita) – rim. de A.G.]
*Branko Miljko, el la serba, Branko Ĉopiĉ, La legindaj partizanoj, Sarajevo, elbih, 1987, p. 11*
Tiel li povas prezenti esperanton en tiu medio aristokrata kaj **katolikega**.
*Claude Gacond, or., Svislando, Literatura Foiro, 227 (jun. 2007), p. 150*
Petro plorĝemis pro rido.
"**kiomege** vi amuziĝas", diris Gjarta, envenante de l' kuirejo...
*Fonto, 262 (10, 2002), p. 29*
Mi supren rigardas en la flavan nordokcidentan ĉielon kaj timiĝas... Tio ĉi devas fariĝi vetero, kia neniam antaŭe okazis.
Mi iras tiel rapide, kiel mi povas... Iras atendante, kaj ŝoksaltetas je ĉiu paŝo: jen **komencegos**; jen venos... La aero estas saturita de elektro...
*Nils Utne, el la sveda, Norda Prismo, 1962, 2, p. 57*
Kun la **kreskego** de internaciaj kontaktoj en la lastaj jardekoj de la 20-a jarcento, la monda komerca sistemo komencis alpreni klarajn kulturajn trajtojn...
*Mark Fettes, or., Kanado, Esperanto, 2001, 6, p. 102*
Frujare oni venis kun **maŝinegoj** kaj elŝiris la heĝojn, arbareton kaj pomarbareton. [suf. -eg- uzatas por esprimi la emocian staton, la aŭtoro kontraŭas la faron – rim. de A.G.]
*Arnold Pitt, or., Anglio, Monato, 1997, 10, p. 10*
Ankaŭ ekstere estis kviete, sole la printempa aviadisto vesperto flugadis super la endormigita prunejo **egmirige** por la novluno, kiu oblikve strabis kaj suspekte demandis, kia vagulo jen tiel konfuze flugaĉas en la pala lunhelo.
*Branko Milko, el la serba, Branko Ĉopiĉ, La legindaj partizanoj, Saraevo, elbih, 1987, p. 41-42*
... sed katalunlingvanoj plu facilege ekparolas en la hispana aŭ la franca pro la enradikiĝinta socia postulo, laŭ kiu etlingvanoj ĝentile uzu la lingvon de la **eglingvanoj**.
*Hektor Alos i Font, or., Hispanio, Kontakto, 2006, 3, p. 5*

Inter junaj esperantistoj en Eŭropo, ne tre multaj ĝojis, kiam Honkongo invitis al la ĉi-jara IJK. Multaj timis **pagegi** por interkontinenta flugo, suferi pro varmega vetero...
*Ulrich Matthias, or., Germanio, tejo tutmonde, 2000, 4 (90), p. 8*
Theo ion murmuris, "bone, morgaŭ mi hejmenveturos kaj ni pritraktos la aferon", kaj remetis la parolilon. Sed poste li ankoraŭ longe staris meze de la ĉambro kaj **pensegis**.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley 2002, p. 64*
Samtempe al tiuj memoroj ligiĝas ankaŭ la sento de ŝtelo. Tiujn horojn ni ŝtelas, ni **prenegas** ilin por ni el la sirenhurla-bremsoplora urbego, ni savas ilin for de la okuloj de la najbaroj...
*István Nemere, or., Hungario, Febro, HEA, Budapest, 1984, p. 97*
Li apenaŭ kredis ke vere li estas en *La Kvakero* mem. Li ekvagis **pretega** provi ĉian.
*Steven Brewer, or., Literatura Foiro, 219 (feb. 2006), p. 50*
Estis la klasikaĵoj de la literaturo, kiuj retrovis sin neeviteble en la manoj de universitataj studentoj aŭ dikaj barbozaj **profesoregoj**.
*Massimo Acciai, or., Italio, Literatura Foiro, 200 (dec. 2002), p. 326*
Vi **sciegas**, samkiel mi, kion povas fari nia malbeninda sciencula sciavido. En nia laboro, se io estas farebla, tio estas farota. Same estas en la biologio. Per eventualaj provizoraj malpermesoj oni povas prokrastigi umon, sed finfine iu faros la decidigan eksperimenton.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 45*
Pro la tutlanda **strikego**, la vagonaro restos en deviga **paŭzego** ĉi-nenie, en tiu ĉi malmultprovizita limstacio, ankoraŭ **duontagegon**.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Kontakto, 2000, 6, p. 5*
Dum kelkaj tagoj la cerbo naĝis nigra-akve. Temas pri speco de angoro, nutrata parte de la **horsaltego**, parte de medio-**ŝanĝego**. Kaj estas terura manko aere; manko de finnlingvaj someroj, de tiu kaskado. [Post restado en Finnlando la aŭtoro revenas avie al Usono. – rim. de A.G.]
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 100 (apr. 2002), p. 19*
... kaj li venĝis sin per tiu libro, en kiu li, kiel ĉefrolulo sub la nomo Georgo Rose, fine elektiĝis papo en Romo – kaj en la daŭro de unujara papeco kaŭzis **ŝanĝegon** en la Vatikano.
*Christian Declerek, or., La Gazeto, 100 (apr. 2002), p. 10*
... la Malferma Tago de la Centra Oficejo... ne riskis droni en rutino. La 90-a datreveno de UEA kreis okazon por "**tagego**"...
*Esperanto, 1998, 6, p. 104*
Kaj ĝis mi eksciis la ĝustajn trafikilojn al la flughaveno, al Ferihegy denove pasis **tempego**.
*Eduard V. Tvarozek, or., Ĉeĥio, La Gazeto, 72 (okt. 1997), p. 9*
Kompatinda nia Marso nun sidis denove sur sia aluminia planko, sed ĉar ĝi oblikvis je angulo de 45 gradoj li estis glitfalinta kontraŭ la stangoj, kune kun sia akvo-

pelvo, kiu freneze klakis, dum ni aranĝis la kaĝon. Li obstine **tenegis** sian restantan pork-kotleton kaj feliĉe tiu ĉi malebligis bojadon.
*Marjorie Boulton, el la angla, Norda Prismo, 1962, 2, p. 61*
Ni povus havi bonan tempon kune, sekrete – ĝis Ole ekmalspiros, tio ja ne povas daŭri **tiomege** longe, li fine diris. [Ole – antaŭmorta edzo. Seksa malpacienco diri-gas "tiomege". – rim. de A.G.]
*Fonto, 262 (10, 2002), p. 27*
La lingvo de tiu komplika **tradukego** meritus apartan disertacion.
*Poul Thorsen, or., Norda Prismo, 1965, 2, p. 69*
"Vi kunportis ion por ni, montru!" Kriis Saŝa kaj **ungegis** per siaj fingroj la pugnigitan manon de la patro.
*Eckhard Bick, el la germana, Sferoj 1, Hispana E-federacio, 1982, p. 41*
Jam de unu semajno mi estas en la dezerto meksikia. Kaj jen, mi atingas ĉi stadion. Mi decidas tuj transmarŝi la ponton. Ne al Usonaĉo, sed al Usonego. … Konstruaĵoj tre rekoneblaj pro tre usona stilo; **Usonego** kaj mi interŝanĝas korajn salutojn.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 128 (jan. 2007), p. 17*
Pro la soif' vojaĝi
viv' vin trovos subite
en angulet' de ĉiopas'
Kie strangaj birdoj gotikas pleje
la silento voj-randa
kie **verdego** regas la mondon tute.
*Peter Browne, or., Usono, Fonto, 261 (sep. 2002), p. 3*
... dum ni veturis preter ondoformaj montetoj kaj **verdegaj** ĝangalkreskaĵoj, Majlo ekkriis...
*Peter Browne, or., Usono, La KancerKliniko, 122 (apr. – jun. 2007), p. 23*
Dank' al Dio la vagonaro nun **veturegas**. He, he, jen nia celo! [la pasaĝero vojme-ze perdinta tagnokton pro la fervojista striko, tiel uzas sian pozitivan emocion – "veturegas" – rim. de A.G.]
*Roza Aumeunier, or., La Gazeto, 94 (apr. 2001), p. 31*
– Jes, sed mi subakvigis min ĝis la kolo.
– Ne, tio ne estas vere.
– Jes, tio estas **verega**...
*Johan Hammond Rosbach, el la norvega, Norda Prismo, 1962, 2, p. 61*
Ŝi estis unu el tiuj studentinoj, kiuj **vivegas** la vivon...
*Corrado Tavanti, István Ertl, or., Hungario-Italio, Tiu Toskana septembro, HEA, Budapeŝto, 1990, p. 11*
Mi ne **egesperi**s ke ili foriros senlukte.
Jozo, or., *La Kancerkliniko, 65 (jan. – mar. 1993), p. 25*

*El kolekto de Klara Ilutoviĉ, Elektrostalj. Sendita al A.Gonĉarov marte 1998:*

**Perdego** de tempo. Neonreklamoj **koloregaj**. **Centrega** volo. Vortoj kun **tiomega** moko kolera. **Konategaj** montetoj kaj arbaroj. **Veturegu**, la minutoj nun **valore-**

**gas** horojn. La nokto jam **kaptegis** la urbon. Vi **okulegus**. Rapide **falegis** la malhelo. Bronskij sidis **elorbiteginte** la okulojn kaj **skribegis**. Ekzistas ekzisteto kaj **ekzistego**. **Egberaj** vinbergrapoloj. **Egspaca** frostigilo. **Egkorpaj**...

## Sufikso -EJ-

***Prelude.*** *La citaĵoj fojfoje enhavas pli ol unu ej-suf. ekzemplon. Tiam mi metis la elnoton dufoje por ĉiu ej-vorto en la respektivan alfabet-ordan lokon. Tio faciligos por la legantoj eblan elserĉon de iu konkreta ej-vorto.*

Li tiel pasie interesiĝis pri esperanto, ke la svarmo de leonoj terure pligrandiĝis sur la komunuma **apudejo**. Tiam la triba asembleo decidis...
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 72 (okt. 1997), p. 3*
Puebla estas grandioza urbo, je maniero trankvila, nekria. Strange: tiom da fojoj – pli ol dek – mi jam trapasis la urbon sen koni ĝiajn **belejojn**.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 109 (dec. 2003), p. 15*
Nur eksterlanda reciproka apogo prezentas ŝancon por Esperanto, kaj tial Esperanto devus iniciati, stimuli kaj partopreni en diversaj interlingvaj programoj. Ne timu kaj ne evitu ilin, sed kuraĝe apelu al ĉiuj lingvoj, varbu ĉiujn lingvojn, ne permesu al kelkaj grandaj monopoligi la lernejojn. Ne izoliĝu en via verda mondo, sed turniĝu en lingva **cirkulejo**, risku kaj ludu, eniru la borson kune kun ĉiuj internacie ludataj lingvoj...
*Valdas Banaitis, or., Litovio, Litova Stelo, 1998, 6, p. 23*
... senfina **ĉielejo**...
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988*
Poste en la rakonto la anĝelo montras al Davido la precizan lokon por la altaro de Dio kaj la **ĉirkaŭejon** de la estonta templo.
*Jeremi Gishron, or., La Gazeto, 69 (mar. 1997), p. 15*
Se ekzistus kelkaj libermensaj homoj en ĉiuj **decidejoj**, kiuj sufiĉe malestimas ĉion naci-ŝtatan...
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 59 (jun. 1995), p. 5*
Antaŭ membriĝo en EU, Hispanio, Portugalio kaj Greklando estis **diktatorejoj**. [laŭ mi pli bonus "diktatorioj" – rim. de A.G.]
*W.H.Simcock, or., Monato, 1997, 4, p. 10*
Sufiĉas akceptigi per la socio la utilecon kaj rajtecon de antaŭgardaj rimedoj donitaj al funkciuloj por ke la vojo al **ekstermejo** estu malbarita.
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 93 (mar. 2001), p. 4*
Tamen formonivele belas la simetriaĵo, ke la fruaj esperantistoj estis ĝenerale por la imperioj, ke la hodiaŭaj esperantistoj estas ĝenerale por ia kompletigo de la tasko de malkoloniigo kaj evoluo, kaj ke en la blanklandaj **esperantistejoj** nek la hieraŭanoj, nek la hodiaŭanoj demandis aŭ demandas sin, kiel ĉi tiu vasta konsentaĵo rilatas al la spirita strebaro, pri kiu temis la unua parto de mia epistolo.
*Probal Dasgupta, or., Hindio, La Ondo de Esperanto, 7, 2006, p. 14*
La lingvoj de la ĉefoficejo de Unesko estas franca kaj angla. Ĉar la **estejo** de la ĉefoficejo estas en franclingva Parizo, la uzo de la franca...
*Nagata Akiko, or., Monato, 1988, 6, p. 18*

Kvankam mi amaras pro via malindulgemo, mi akceptis la taskon prozopopee babili pri la aranĝo okazinta en mia UNESKa **eventejo**. Por kelkaj mi rolis premiereje (kaj partoprene kaj prelege), por aliaj – ripeteje, aŭ eĉ kutimeje.
*Gonsalo Neves, or., Hispanio, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 174*
Same li estas devigata streĉe atenti pri la uzado de *por, pro, pri, per*, aŭ de *tiu, tia*, ĉar la ekzercoj proponas **enfalejojn** kaj falsajn amikojn.
*Carrlo Minnaja, or, Italio, Literatura Foiro, 204 (aŭg. 2003), p. 186*
Kvankam mi amaras pro via malindulgemo, mi akceptis la taskon prozopopee babili pri la aranĝo okazinta en mia UNESKa **eventejo**.
*Gonçalo Neves, or., Hispanio, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 174*
Torreyn, la dezerto-urbo, je tre blankaj montoj kaj tre verdaj arboj. Torreyn, vi perdiĝis en la malproksimeco. Ho! **Forforejo** blanka de miaj sonĝoj!
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 105 (mar. 2003), p. 16*
Vi neniam aŭdis pri nia mondo, sekrete kaj sole orbitanta en **forgesejo** de la galaksio.
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Fonto, 214 (okt. 1998), p. 6*
Dume, en poŝo – malvasta **forgesejo –**, ia letero.
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Hungara Vivo, 1990, 3-4, p. 105*
Kaj tamen: la plej elementa ĝentileco (zorgi pri tiuj kiuj povus malfacile sekvi la debatojn) falis en **forgesejon**. Rezulto: la Anglo-Saksoj monopolis la parolrajton.
*Marc Anselm, Heroldo de Esperanto, 2002, 12, p. 2*
Se tamen restas pekantoj, kies koroj ne pli ekscitite batas vid-al-vide al atestiloj, oraj leteroj, k.s. pozitiva disciplino ilin izoligas en t.n. **forigejo**...: t.e. unu tago for de kamaradoj kaj kunsido inter gepatroj kaj instruistoj.
*Paŭlo Gubbins, or., Monato, 1993, 6, p. 13*
Ni scias, ke Esperanto sen beletro ne estas la riĉa, vivanta lingvo, hodiaŭ de ni parolata, sed kuŝus polvokovrita kune kun aliaj projektoj en **formetejoj** de bibliotekoj.
*Leopoldo H.Knoedt. or, Brazilio, Fonto, 150 (jun. 1993), p. 23*
Tiaj estas la mutacioj, kiajn la landlimo liveras, kvankam la limoj de "Mensogula Luno" sin etendas de suda Teksaso ĝis la senfinaj **senhomejoj** de Kansaso.
*Peter Browne, or., Usono, Fonto, 254 (feb. 2002), p. 13*
Laŭ M.H.S. estas tre grave por la disvastiĝo kaj oficialiĝo de E-o, ke la **instruejoj** kaj sciencejo rekonu kaj apliku ĝin.
*Mojatabo Kheir-han, or., Irano, Internacia Pedagogia Revuo, 1997, 4, p. 14*
Post longaj jaroj for de la bona vojo, sur la **irejo** de indignigaj eraroj, vi hodiaŭ trovas deirpunkton...
*L.C.Porto Karreiro Neto, el la portugala, Emanuelo, Antaŭ du mil jaroj, Federacio Espirita Brasiliera, Brasil, 1993, p. 94*
La verkistino, atestantino de tiuj tagoj, memorigas al ni kvazaŭ malfermitan **irejon** tra la monopolo de la burĝa gazetaro, sub la imperiisma premo tiutempa.
*Fernando A. Paredes, adaptis, Internaciisto, 2005, 1 (73), p. 7*
La infano ekploris. Ŝi prenis la graŭlulon sinen kaj komencis ĉio-vorti pri kapreolinoj kiuj ĵusaperis sur arbara **klarejo** kelkajn metrojn sub la tempomaŝino.

*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 11*
Eble la plej granda bonaĵo estas tio, ke klasĉambro ofte statis kvazaŭ **kolektejo** de tre belaj okuloj kaj de tre belaj femuroj.
*Petro Browne, or., Usono, La Kancerkliniko, 102 (apr. – jun. 2002), p. 8*
Do kio estas antaŭ ĝi? Ŝajnus, ke **nekonatejo**, ĉiam kaj ĉie kaj nur nekonatejo, spaco nekonata, abismo ne esplorita, ensuĉanta...
*Radoslaw Nowakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 200 (dec. 2002), p. 327*
Sed kion faras la E-movado en tiuj tempoj? Ĝi troviĝas rande de la mondo... Dum ĉiuj aliaj sociaj aranĝoj feble rapidas al **krizejoj**, niaj estraranoj kaj direktoroj el siaj "neŭtralaj" oficejoj predikas...
*Senad Ĉoliĉ, or., La Ondo de Esperanto, 1998, 1, p. 14*
Por kelkaj mi rolis premiereje (kaj partoprene kaj prelege), por aliaj – ripeteje, aŭ eĉ **kutimeje**.
*Gonçalo Neves, or., Hispanio, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 174*
"Nu, la unua nokto trovas nin norde de Londono ĉe iu apudŝosea haltejo. Por ni tio estas "**laŭejo**"; ĉiu aŭtomobilisto konas ĉi-tian lokon: fuelejo, manĝejo (kaj malmanĝejo), butiko, ampleksa parkejo, kaj, se oni bonŝancas, duŝejo.
*K.Jakobo, or., La Gazeto, 78 (okt. 1978), p. 23*
Elaŭtobusiĝinte meze de arbara **maldensejo**, la pasaĝeroj ekvidis antaŭ si la silueton de la giganta ŝelo de spacŝipo.
*Bernard Golden, or., Usono – Hungario, Sferoj-3, 1984, Eld. Grupo Nifo, Hispanio, p. 101*
Tie kuŝis Bersi [fama poeto kaj duelanto – rim. de A.G.] en la lito senpova pro la maljuneco. Sed en la lulilo kuŝis la knabeto senforta pro la juneco. Subite la knabeto falis el la lulillo sur la plankon. Bersi ne povis helpi. Tiam li eldiris ĉi tiun verson kiu estas konata:
Kuŝas ambaŭ
en **malfortejo**,
Halldyr kaj mi,
ne havas forton ni
maljuneco premas min
juneco vin,
ŝanĝiĝos vi,
neniam mi.
*el la islanda, La Tradukisto, 34 (1) (mar. 2000), p. 7*
Li komencis rezonadi kiel esti, kiel vivi
en la kaŝa kamereto, en obskura **mallarĝejo**
kie lun' neniam lumis, nek sin montris iam suno.
*Jon. Edv. Leppäkoski, el la finna, Kalevala, E-Asocio de Finnlando, 1985, p. 16*
... ŝparis monon... por iam viziti sian originan patrujon Greklandon. Kun sia filo, kiu nature, neniel plu rilatas al tiu **malproksimejo**, li surŝipe... ekvojaĝas al Eŭropo.
*Vinko Oŝlak, or., Slovenio-Aŭstrio, Jen la sablo el mia klepsidro, 1991, Aŭstrio,*

*p. 147*
En Infra Silezio (en Wrocław) formiĝis Silezia Esperanto-Asocio, kiu energie provas respondi la necesojn de la nova situacio... En kelkaj provincaj **movadejoj** aperis junaj homoj, kiuj provas racie barakti kontraŭ grandnombraj obstakloj...
*Tyburcjsz Tyblewski, or., Pollando, Esperanto, 1993, 11, p. 185*
Antaŭ tiu preĝo, buboj kaj knaboj jam faris la siajn... normale ŝtelante fruktojn en la **najbarejo**. Ĉar pliaĝuloj, se somere, emis siesti.
*Gersi Alfredo Bays, or., Brazilio, La Profeto en Pedras, Fonto, 2001, Brazilo, p. 215*
Sklavino milde priventumas vin – kaj vi povas liberlasi la pensojn, ke ili vagu sencele tra malreala **neniejo** kvazaŭ kamelidoj petolantaj.
*Valdemar Vinaa, or., Ĉeĥio, Panoramo, Ĉeĥa E-Asocio, Praha, 1981, p. 18*
Mi perokule voris la afiŝon, kiu anoncis la nekredeblon, ke du prezentadojn via ensemblo donos en nia teda banloko rande de **neniejo**.
*Horst Vogt, or., La Gazeto, 91 (dec. 2000), p. 19*
... la Estraro difinis – preter rutinaj decidendaĵoj – la **okazejojn** de du venontaj Universalaj Kongresoj.
*István Ertl, or., Hungario – Nederlando, Esperanto, 1998, 6, p. 106*
La ĝeneralaj laborkunsidoj, kelkfoje la **okazejo** de tempestoj en SAT, estis ĉi-foje nekutime pacaj.
*Jakvo Schram, or., Esperanto, 2004, 11, p. 236*
Tiel, atentigis Oŝlak, en la Biblio troviĝas tri fundamentaj **okazejoj** de la lingva demando, krom "komentoj" aliloke.
*Vinko Oŝlak, or., Slovenio – Aŭstrio, Literatura Foiro, 216 (aŭg. 2005), p. 202*
Mil sunoj viajn akvojn kaj aleojn
inundas kaj brulvundas,
faras la verdon ŝrumpa, efloreska
l' esencon duran de la ŝtono. Donu
al mi solsole punkton sub **ombrejo**,
punkton da nerealo, ke...
*Miguel Fernendez Martin, or., Hispanio, Literatura Foiro, 135, p. 3*
Pensante pri tiu ĉi problemo mi iras en la **paŭzejon**, halon konsistantan el du larĝaj koridoroj, kie la lernantoj pasigu la paŭzon.
*Ulrich Matthias, or., Germanio, Fajron sentas mi interne, Pro Esperanto, Vieno, 1990, p. 12*
Sed pasis jam la stri' infere nigra,
La zorgoj ĉesis, dronis en forges'...
Mi, ŝajne, nun fariĝis aĉe pigra –
Nenion verkas, vakas la **pensej'**
Kaj la sentilo siajn sentojn plej
Subtilajn jam forgesis tute.
*V.Samodaj, or., Rusio, Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM, Moskvo, Impeto, 1999, p. 173*
Por kelkaj mi rolis **premiereje** (kaj partoprene kaj prelege), por aliaj – ripeteje, aŭ

eĉ kutimeje.
*Gonçalo Neves, or., Hispanio, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 174*
Surbaze de tiu ĉi identigo de nia homa identeco, mi volus nun ligi la ĉi-suprajn ideojn de Daaŝ al du aliaj **pensejoj**. Kaj peti vin plupensi prie. Por atingi la unuan **pensejon**, ni havas veturilon preta, la eseon de Ŝourin Bhattaaĉaarĝo (1999) pri iuj ideoj de la nobelpremiito.
*Fonto, 241 (jan. 2001), p. 7*
Pluraj laborgrupoj ellaboras surlokajn agendo-planojn kaj diskutas ilin kun la urba administracio. Unu el la kernoj de la Agendo 21 estas la **Pripensejo**, kaj la urbestraro proponis Frejburgon kiel renkontiĝejon por diversaj asocioj.
*Manfred Westermayer, or., Germanio, Kontakto, 2006, 5-6, p. 16*
Jen la nuna Honkongo, termitejego kun... riĉega **perejo** de produktoj kaj servoj, magneto por homoj.
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, La Gazeto, 91 (dec. 2000)*
Nuntempe la komputila kompostado produktas siajn ekscesojn: verajn tipografiajn krimojn interalie – ĉiu komputilposedanto kredas esti granda verkisto... Estus dezirinde, ke iuj foje iel ekscius pri la diferencoj inter la citiloj... por nur mencii kelkajn el la plej oftaj hazardaĵoj en tiu novspeca publikiga **petolejo**.
*Rolfo, or., Literatura Foiro, 156 (aŭg. 1995), p. 200*
Ĉirkaŭ cent milionoj estas komplete sen ŝirmo; ili dormas en la stratoj, sub pontoj, en neokupitaj parceloj, en **pordejoj**.
*H.Tonkin, el la angla, Esperanto, 1987, 11, p. 189*
Ni disponas pri granda kaj bone ekipita infana **posttagmezejo**, kie eblos diversspeca amuziĝo.
*Lena Manson, Per Aarne Fritzon, or., Svedio, La Espero, 1991, 1, p. 15*
Ĉu eblas: same agas mi, poet'?
Idaron mian el-korigas mi per-mane,
Eldonas oni, ĝin posedas bret',
Kaj poste **profundejo** en ŝranket',
Kaj poste angulaĉo de kortet'...
*Dmitrij Vronskij, or., Rusio, REGo, 2002, 5, p. 54*
Printempe de 1910 revenis al la Tero la Halley-kometo. En majo ĝi devis per sia gasa vosto tuŝi nian planedon. La nekutimaj grandeco kaj klareco de la kometo kiu regule revenas en nian **proksimejon** provokis panikon.
*Jana Cichova, el la ĉeĥa, La Gazeto, 88 (apr. 2002), p. 12*
Kelkaj ŝanĝproponoj por la regularo de la lingvo-ekzamenoj survojas, diskutite estis ankaŭ kiel NASK povas liveri la **provejon** por lanĉo de la nova ekzamena branĉo pri instruista trejnado.
*Stefan MacGill, or., Nov-Zelando – Hungario, Internacia Pedagogia revuo, 2001, 2, p. 21*
Mia kanto
Flugu vi, ho!
Flugu en koron junulan
Serĉi tie **restejon** vian.

*H.F.Chu (Nanking), el la ĉina, Norda Prismo, 1958, 1, p. 9*
Sed en la jaro 1915 la familio transloĝiĝis al Reykjavik, kie ĝi havis **restejon** de tiam.
*el la islanda, La Tradukisto, 34 (1) ( mar. 2000), p. 6*
Por kelkaj mi rolis premiereje (kaj partoprene kaj prelege), por aliaj – **ripeteje**, aŭ eĉ kutimeje.
*Gonçalo Neves, or., Hispanio, Literatura Foiro, 144 (aŭg. 1993), p. 174*
Laŭ M.H.S. estas tre grave por la disvastiĝo kaj oficialiĝo de E-o, ke la instruejoj kaj **sciencejoj** rekonu kaj apliku ĝin.
*Mojatabo Kheir-han, or., Irano, Inernacia Pedagogia Revuo, 1997, 4, p. 14*
La omnibusoj staras en arbara **senarbejo** sur la vojo...
*Alma Lekko, el la estona, Paul Kuusberg, Somermeze, Tallinn, Eesti Raamat, 1981, p. 182*
**Sendomejo** – ruslingva "Pustirj"
*Kreis dum iu interparolo en la 70-aj jaroj, Siberio. – A.G.*
Usono, Aŭstralio, grandaj partoj de Afriko kaj Orienta Eŭropo liveras preskaŭ **senfinejojn** da "libera" ebenaĵo, herbejoj k.s. por surteriĝi.
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Monato, 1991, 7*
Kverko komprenis, ke li samkiel ĉiuj arboj estas poreterne kondamnita fari nur la bonon. Por la birdo, sovaĝbesto, aŭ por la homo – kia ajn ĝi aŭ li estu – doni sian ombron, sian **senventejon**, ŝelon, foliojn aŭ sin mem.
*Bronius Riŝka, el la litova, Litova Stelo, 1996, 5, p. 6*
La biblia Iŝmaelo estis travaganto de dezertoj, de vastejoj, intimulo de **senvojejoj**. Kaj ankaŭ filo de konkubino.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 95 (jun. 2001), p. 30*
Kaj kie la vivo dependas de la kemiaj kaj fizikaj leĝoj, la naturo donas malmultajn eblecojn. Povas esti, ke la Tero tamen estas la sola **vivejo** en la universo.
*Leen C.Deji, or., Nederlando, Literatura Foiro, 186 (aŭg. 2000), p. 222*
Nome, li efektive trovis ja en sia **vivejo** mikrometodon por la priskribo de iu sia mikrokono. Kion do li maltrovas en tiu **vivejo**?
*Probal Daŝgupto, or, Hindio, Literatura Foiro, 185 (jun. 2000), p. 156-157*
Claude kaj Andre Gacond gvidos nin al **belvidejoj** kaj paŝtejoj.
*Literatura Foiro, 153 (feb. 1995), p. 19*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

---

Ukrainia klubo de kristanaj geesperantistoj studas Esperanton kaj Biblion kaj deziras korespondi kun geesperantistoj el Rusio. La adreso: Anna Vojnarovic, p/k 438, Avdejevka-5, Donecka reg., Ukrainio, 86065.

## INTERVJUOJ KUN EKSPREZIDANTOJ DE REU

Daŭrigante la serion de materialoj dediĉe al la 20-jariĝo de REU, ni publikigas mallongajn intervjuojn kun ĉiuj eksprezidantoj de REU, en kiuj ili koncize rakontas pri sia agado kaj prezentas proprajn vidpunktojn pri la nuna stato de REU. Sinsekvo de la intervjuoj estas kronologia. En la antaŭaj numeroj de REGo aperis intervjuoj kun Viktor Aroloviĉ, Andrej Grigorjevskij, Nikolaj Gudskov kaj Aleksander Korĵenkov[1].

---

**Georgij Kokolija (prezidado: marto 2001 – decembro 2002)**

*– Vi estis en la Estraroj de REU ekde ties fondiĝo – ekde 1991 ĝis 1994; poste vi membris en la Estraro inter 2000 kaj 2005, intertempe prezidinte la Union en 2001 kaj 2002. Kio estis baza diferenco en viaj du estraraj "periodoj" – kio estis malsama en la agado, kiel diferenciĝis la solvendaj aferoj ktp.?*

– Verdire estas malfacile respondi tiun ĉi demandon. La kaŭzo estas tio, ke mi ne memoras detale la situacion en komenco de la 90-aj kaj kion mi tiam aspiris kaj faris. Mi estis tiutempe juna, antaŭe aktivis nur en la junulara movado. Ŝajne la unuan fojon mi trafis en la Estraron pro tio, ke ĝi estis sufiĉe granda (dekkelkaj personoj!) kaj estis elektitaj preskaŭ ĉiuj aktivuloj, kiuj partoprenis en la Kongreso. La duan fojon oni elektis min en la Estraron en 1993 (post unujara paŭzo, dum kiu mi transloĝiĝis el Suĥumi al Moskvo). Tiam la Prezidanto fariĝis Andrej Ananjin (nun Grigorjevskij), kiu elektiĝis kun la intenco draste ŝanĝi kaj aktivigi la agadon de la Unio. Li proponis al mi estraraniĝon, ĉar antaŭe ni multe kaj sukcese kunlaboris en SEJM. Dum ambaŭ tiuj miaj estraraj periodoj mi ne havis iujn proprajn ideojn kaj planojn, mi simple klopodis plenumi komisiitajn taskojn, interesiĝante ĉefe pri organizado de amasaj aranĝoj. Poste okazis unuiĝo de REU kaj REA, kiu pasis sen mia partopreno, kaj dum kelkaj sekvaj jaroj mi preskaŭ ne interesiĝis pri la agado de REU, ĉar mi estis tre ŝarĝita per zorgoj pri la familio – fuĝo for de la milito kaj establiĝo en la nova loĝloko estas ne tre simpla afero. Tamen dum tiu periodo mi sukcesis regule partopreni diversajn E-aranĝojn ene de la lando kaj eĉ aktive partoprenis en ilia organizado (kelkaj OkSEJT-oj, festivaloj EoLA kaj IJK en 1995).

La sekva periodo de mia aktiveco en REU komenciĝis en 2000. Kaj tio estis tute alia afero, mi estis pli aĝa, sperta kaj memstara, mi jam havis proprajn ideojn kaj planojn. En tiu jaro Andrej Grigorjevskij entreprenis novan provon aktivigi la

---

[1] Bedaŭrinde respondoj de Abduraĥman Junusov, Prezidanto de REU en 1997-2000, ĝis nun ne estas ricevitaj.

vegetantan organizaĵon. Por tiu celo li invitis en la Estraron du samideanojn – min kaj Jura Karcev. Ni triope diskutis (tamen la motoro estis, certe, Andrej) kaj preparis realigendajn planojn. Ni interkonsentis, ke mi ekokupiĝu pri eldono de ege bezonata movada gazeto, la alian, ne malpli gravan, taskon – pri organizado de la Libroservo – transprenis Jura. Mi esperas, ke nia tiama aktivado donis certan puŝon al la aktiviĝo de REU-agado.

*– Kio instigis vin fariĝi prezidanto, kvankam tiam vi jam havis vian ĝis nun ĉefan E-okupon: redaktadon kaj eldonadon de REGo?*

– Estis kelkaj kaŭzoj. Unue, mi volis provi min en tiu nova, pli alta nivelo. Due, mi havis proprajn ideojn pri tio, kiel devas labori bone funkcianta landa E-organizaĵo, kaj klopodis realigi tiujn ideojn. Trie, kelkaj estimataj de mi esperantistoj-aktivuloj petis min prezidantiĝi, kredante je miaj kapabloj. Kaj eĉ se ne ĉiujn ideojn mi sukcesis realigi, kaj REU ne fariĝis elstara organizaĵo dum mia prezidado (sed iuj plibonigoj, laŭ mi, tamen okazis), mi almenaŭ provis – tio estas pli bona maniero, ol ne provi kaj poste bedaŭri.

*– Kio estis ĉefaj taskoj dum via prezidado? Kio estis viaj (de tiama Estraro) sukcesoj kaj malsukcesoj?*

– Unua tasko estis ne perdi kaj daŭrigi tiujn aferojn, kiujn ni komencis realigi en la antaŭa periodo – REGon, Libroservon, retlistojn kaj aliajn retajn aktivadojn. Krome mi volis plibonigi la rutinajn aferojn, kiuj gravas por la organizaĵo, ekz. librotenadon, kontaktojn kun ŝtatinstancoj, kunlaboron kun aliaj E-organizaĵoj (enlandaj, alilandaj kaj internaciaj), sed ĉefe temis pri la servoj por membroj – informado, perado de internaciaj pagoj kaj kontaktoj, amasaj aranĝoj, interŝanĝo de spertoj, helpo al lokaj kluboj kaj individuoj. En kelkaj el tiuj terenoj la agado estis sukcesa, en iuj ni ne sukcesis signife evoluigi la aferojn. Ekz. mi ne sukcesis trovi inter la esperantistoj spertulon pri librotenado, kiu konsentus prepari financajn raportojn de REU por ŝtataj organizaĵoj. Mi devis fari tion mem, tute formale. Parte pro tio ni ne sukcesis establi bankan konton de REU en Moskvo, kvankam ĝi estus utila. Sed ekzemple la organizado de amasaj aranĝoj estis en tiu periodo (dum mia prezidado kaj estraranado) sufiĉe sukcesa. Regule okazis REK-oj kaj REU-Konferencoj, ni lanĉis novan aranĝon – RET (kies ideon proponis Andrej), kiu estis tre sukcesa dum kelkaj jaroj. Evoluis kaj reguliĝis servoj por la membroj, ĉiuj membroj ricevadis REGo-n aŭ, minimume, REU-bultenojn, funkciis Libroservo, akurate okazis administrado de la kotizoj. De tempo al tempo, kiam estis tia ŝanco, REU donis al lokaj kolektivoj kaj E-renkontiĝoj organizan kaj/aŭ financan helpon. Kaj dum tiu periodo membraro de REU signife kreskis, kio atestas ĝustan direkton de la entreprenitaj de ni aktivadoj.

*– Kio laŭ vi estas ĝeneralaj problemoj de E-movado en Rusio tiam kaj nun (ne temas nur pri REU)?*

La problemoj estas la samaj, eble nun ili fariĝis eĉ pli evidentaj kaj profundaj. Ĉefa problemo estas en tio, ke mankas homoj, kiuj povus konstante kaj serioze okupiĝi pri evoluigo de la movado. Ekzistas du specoj de tiaj homoj – tiuj, kiuj farus

la aferojn nur pro entuziasmo, oferante signifan parton de sia vivo kaj preskaŭ nenion materialan ricevante pro tio, kaj tiuj, kiuj povus labori por la movado kontraŭ salajro. Bedaŭrinde la entuziasmuloj maloftiĝis, nur de tempo al tempo tiu aŭ alia esperantisto sporade (re)aktiviĝas kaj dum kelka tempo provas puŝi la movadon antaŭen. Se tio okazas samtempe ĉe kelkaj personoj, ili sukcesas per komunaj klopodoj atingi iujn sukcesojn. Sed plej ofte tiuj aktiviĝoj de diversaj movadanoj ne koincidas tempe, tial ilia entuziasmo daŭras ne longe kaj ili malmulton sukcesas fari. Ankaŭ la mono por pagi salajron al 2-3 personoj dum sufiĉe kontinua tempo mankas. Tial por prospero de la movado ni devas aŭ atendi, kiam aperos samtempe kelkaj entuziasmuloj, kiuj havos dezirojn kaj eblojn sindone aktivi dum ne tre kurta periodo, aŭ trovi sufiĉe signifan monsumon por salajroj.

Ĉio ĉi ne koncernas Interreton, kie Esperantaj aferoj (temas pri ĝenerala stato, movadajn aferojn tio, eble, koncernas ne tro) bone evoluas, mi eĉ dirus – prosperas. Tio okazas, ĉar por la reta aktivado ne bezonatas granda mono – nek por ejoj, nek por vojaĝoj, nek por io alia.

*– Pri kiuj E-aferoj vi intencas okupiĝi en sekvaj jaroj – ĉu vi planas iujn ŝanĝojn aŭ ĉio restos en la sama stato?*

Mi ege ŝuldis al Esperanto – dum miaj junaj jaroj ĝi multon donis al mi. Kaj mia multjara aktivado estis ligita ne nur kun tio, ke al mi plaĉis organizi tendarojn, eldoni gazetojn, librojn, diskojn, kunsidi kaj diskuti, sed ankaŭ kun tio, ke mi kutimas redoni ŝuldojn. Nuntempe mi sentas, ke la ŝuldo estas pli-malpli repagita, mi estas kvita kun Esperanto. Tial mi okupiĝos pri io en la movado nur kaze, ke tio estos interesa por mi kaj mi ricevos de tiu agado plezuron (aŭ almenaŭ profiton). Konforme al tiaj sentoj mi dum lastaj jaroj malpliigis mian aktivadon, nuntempe ĝi reduktiĝis preskaŭ nur al redaktado kaj eldonado de REGo. Sed ankaŭ tio jam ne tre interesas min, mi ĝenerale ne ŝatas tro longe okupiĝi pri sama afero. Mi sentas, ke REGo fariĝis monotona kaj bezonas "novan sangon". Simple lasi ĝin mi ne volas, ĉar laŭ mi la gazeto estas bezonata por la movado (eĉ en la nuna "monotona" stato), krome mi rilatas al ĝi kvazaŭ al infano kaj ne volas ke ĝi pereu. Sed mi volonte transdonus redaktadon de REGo al iu fidinda persono. Bedaŭrinde ĝis nun ne troviĝas tia kandidato por redakta posteno, al kies manoj mi povus transdoni la gazeton sen timo, ke ĝi malaperos post 2-3 numeroj. Eble tiu ĉi konfeso helpos trovi taŭgan volontulon.

---

**Mikaelo Ĉertilov (prezidado: majo 2009 – majo 2010)**

*– Kun kelkaj paŭzoj vi estis membro de REU-Estraro preskaŭ dum tuta tempo – unue en 1991, ĝis nun laste en 2010. Ĉu vi konstatas iujn radikajn ŝanĝojn en funkciado de la Unio kompare kun la komenco de la 1990-aj jaroj?*

– Jes, mi estis ankaŭ estrarano de SEU kaj krome sufiĉe longe plenumis rolon de sekretario kaj kasisto de REU. La ŝanĝoj certe estas. Dum dudek jaroj multo ŝanĝiĝis kaj en la lando, kaj en la socio. Ni mem ŝanĝiĝis... En komenco de la 90-aj estis pli multe da entuziasmo pro novaj eblecoj, ŝancoj. La junularo estis pli aktiva ol nun kaj plena de novaj ideoj. Nun rigardante al la pasinteco mi pensas ke ni per-

dis multajn ŝancojn por akiri decan lokon de REU inter sociaj organizaĵoj de Rusio. Tamen radikaj ŝanĝoj en la funkciado de REU ne okazis. La sama strukturo transiris de SEU al REU, la sama hobieca modelo de la movado, la sama pensmaniero pri la Estraro kaj Prezidanto, kiuj devas "gvidi, evoluigi kaj disvastigi" kaj konstanta grumblado de membraro, ke la Estraro nur "suĉas" kotizojn, sed mem nenion faras...

*– Vi estis elektita Prezidanto en majo 2009, sed vi multfoje konstatis, ke vi estis prezidanto de "teknika" Estraro, kiu nur plenumis kelkajn funkciojn. Kial aperis tiom stranga situacio, ke oni ne povis elekti "normalan" Prezidanton?*

– En fino de la unua jardeko de la nuna jarcento okazis en REU situacio, kiam antaŭa Prezidanto kaj estraranoj laciĝis, la ideoj elĉerpiĝis kaj neniu plu volis preni al si rolojn de gvidantoj de REU. Vidante krizan situacion en la asocio mi lanĉis vastan diskuton en komenco de 2009 pri plua sorto de REU. Estis espero ke troviĝos novaj homoj kun novaj ideoj, kiuj stirus REU-ŝipon al hela estonteco. Tamen la diskuto montris plenan vakuon de tiuj. Pli kaj pli aŭdeblis voĉoj: "REU estas ne bezonata. La movado bonege vivas sen ĝi. Ne estas senco reanimi la asocion." Tamen estis ankaŭ aliaj eldiroj de estimataj esperantistoj, kiuj opiniis, ke necesas fari radikan reformon en la strukturo de gvidorganoj de REU: malcentrigo de la gvidado.

REU-Estraro ne devas gvidi movadon. Fakte ĝi jam vere ne gvidas ĝin. La movadon evoluigas lokaj grupoj, kluboj, teamoj, apartaj iniciatemaj homoj kun propraj projektoj. Sed tamen REU daŭre estas bezonata. Por kio? Por servi al tiuj lokaj iniciatoj, projektoj kaj entreprenoj per informado, per organizado de komunaj aranĝoj, kiuj interesas ĉiujn, per reprezentado de iliaj interesoj al landaj neesperantistaj sociaj kaj ŝtataj organizaĵoj, kaj al eksterlandaj esperantistaj kaj neesperantistaj organizaĵoj.

En la maja Konferenco (2009) la unua demando estis pri oficiala ĉesigo de funkciado de la asocio. Feliĉe plejmulto estis kontraŭ la ĉesigo.

Tamen neniu kandidato estis por iĝi Prezidanto kun sia agadplano kaj strategio. Do oni decidis fari unujaran eksperimenton: tute ne elekti Prezidanton, kiel antaŭe. Oni decidis disdividi taskojn de la antaŭa Estraro inter du novaj strukturoj: la Konsilio kaj teknika Estraro. En la Konsilion devas eniri reprezentantoj de tiuj lokaj iniciatemaj grupoj kiuj vere evoluigas la movadon. La Konsilio devus pridiskuti inter si gravajn, rilatajn al ĉiuj esperantistoj, demandojn kaj akcepti decidojn. Ekzemple pri Rusia Kongreso, pri financado de konkretaj projektoj, pri lanĉo de novaj projektoj k.t.p. La teknika Estraro tute ne enmiksiĝas en movadajn aferojn. Ĝi fakte estas administrantaro, sekretariaro, kiu zorgas nur pri la organizaĵo mem kiel strukturo jure registrita en la lando. Ĝia rolo estas formala, sed ne decida. Kotizoj, registrado de membroj, oficejo, reta asocia paĝaro, aranĝo de REK, organizado de voĉdonado en la Konsilio, organizado de informado, reprezento de la asocio al eksteraj organizaĵoj kaj instancoj.

Aperis tamen problemo de statuta kaj jura flanko. Bone, ni ne elektas la Prezidanton, sed devas ekzisti homo formale plenumanta tiun rolon en juraj oficialaj

okazoj, tiu kiu devas subskribi je nomo de la asocio dokumentojn por eksteraj organizaĵoj kaj instancoj. Post ĉiu konferenco REU devas raporti al la Ministerio pri justico pri novelektita Estraro kaj Prezidanto, alikaze ni rompus la Statuton. Do estis trovita kompromisa varianto, nomumi unu el la estraranoj por plenumi tiun tute formalan rolon. Estis decidite kaj voĉdonite en la Konferenco, ke mi plenumu por unu jaro tiun taskon. Bedaŭrinde ne ĉiuj bone legis materialojn de la Konferenco kaj ĝuste komprenis ĝiajn decidojn. Eĉ ne ciuj konsilianoj komprenis sencon de tiu eksperimento kaj daŭre postulis de la teknika Estraro kaj formala Prezidanto plenumon de taskoj de antaŭaj funkciuloj.

*– Cu vi kontentas pri la agado de "via" Estraro aŭ io principe grava restis ne finfarita?*

– Nia Estraro funkciis bonege. Ni vere agis kiel unueca aparato. Ni regule kunsidis kelkfoje monate kaj faris multon. Bedaŭrinde unu jaro ne estis sufiĉa por realigi niajn planojn. Duonjaro estis necesa nur por ellerni problemojn kaj trovi vojojn por solvi ilin. Duonjaron ni plene laboris por organizi jubilean REK en Sankt-Peterburg kun vasta eksterlanda partopreno. La plej grava nia celo ne estis finfarita, tio estas fari asocion firma, profesieca en jura vidpunkto, kun propra oficejo, sekretario, banka konto, registrita en ĉiuj necesaj ŝtataj instancoj. Multon el tio ni faris, sed burokrateco de niaj ŝtataj instancoj malebligis finfari la komencitan laboron. Bedaŭrinde la Konferenco en 2010 nuligis la eksperimenton kaj likvidis la teknikan Estraron. Neniu el ni estis invitita por finfari la laboron ekster la novelektita Estraro. Mi ne havas informon pri la laboro de nova Estraro de malnova tipo. En la diskutlisto <reu-agado> kaj sur paĝaro <reu.ru> mi trovas neniujn raportojn pri ties agado kaj faritaj decidoj. Eble ili sukcese finis tiun necesan laboron, ĉar mi daŭre opinias, ke ĉefa tasko nun estas la sama: firma asocio, kiu povus senhonte partopreni en socia vivo de la lando kune kun aliaj sociaj organizaĵoj, estus videbla kaj konata. Tio ebligus montri landskale eblecojn kaj avantaĝojn de Esperanto.

*– Kio laŭ vi estas ĝeneralaj problemoj de E-movado en Rusio tiam kaj nun (ne temas nur pri REU)?*

– Ĝeneralaj problemoj estas en ne sufiĉa kvanto da iniciatemaj, kreemaj homoj. Hazarde aperantaj iniciatoj ofte ne trovas subtenon de la aliaj movadanoj kaj de REU. Pro tio plej ofte aperas solulaj iniciatoj, projektoj, kiuj ekbrilas kaj estingiĝas kun estingiĝo de entuziasmo de la solulo. Ege mankas gvidantoj. Ofte fortaj kaj multnombraj kluboj degelas pro malapero de eksa gvidanto sen taŭga anstataŭanto. REU devus havi mekanismon por subteni, helpi kaj solulojn kaj klubojn.

*– Post multjara aktivado vi foriris de ĉiuj postenoj kaj okupiĝoj. Ĉu vi planas reveni al aktiva E-vivo, se jes – kiam?*

– Tute ne. Mi daŭre estas Peranto de UEA kaj loka Delegito de UEA, mi daŭre zorgas pri individuaj kontoj ĉe REU, pri Esperanta rubriko ĉe la retvendejo "InoKniga.Ru". Nun mi okupiĝas ankaŭ pri tradukado. Do mi ne foriris de aktiva E-vivo. Al REU mi daŭre pretas helpi laŭ miaj povoj tamen ekster ajnaj estraraj postenoj.

***intervjuis Grigorij Arosev (Moskvo)***

## UEA RICEVIS TRI NOVAJN HONORAJN MEMBROJN

*En sia kunsido sabaton, la 23-an de julio, en Kopenhago la Komitato de UEA elektis tri elstarajn movadanojn kiel Honorajn Membrojn de UEA. Ili estas d-ro Detlev Blanke el Germanio, d-ro Renato Corsetti el Italio kaj s-ro Rob Moerbeek el Nederlando.*

**Detlev Blanke** (nask. 1941) en 1968-1980 estis sekretario de Centra Laborrondo Esperanto en la Kulturligo de GDR kaj ekde 1981 de Esperanto-Asocio de GDR. Li doktoriĝis en 1976 per disertacio pri kompara vortfarado de Esperanto kaj la germana, kaj habilitiĝis en 1985 per disertacio pri planlingvoj (*Internationale Plansprachen*). En 1988 li fariĝis docento pri interlingvistiko en la Berlina Humboldt-Universitato. Ekde 1976 li estas estrarano de Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED), kies bultenon *Informilo por Interlingvistoj* li redaktas ekde 1992. Ekde 1992 li kompilas (kun H.Tonkin) bibliografion pri Esperanto kaj interlingvistiko por la usona Modern Language Association. Li iniciatis la Esperantologiajn Konferencojn, kiuj okazas ekde 1978 en ĉiu UK. Kun sia edzino Wera li laboras i.a. pri terminologio kaj iniciatis la fondon de Terminologia Esperanto-Centro de UEA en 1987.

**Renato Corsetti** (nask. 1941) laboris dum la unua parto de sia vivo en banko kaj poste en la Universitato de Romo. Li estas aktiva en la Esperanto-movado ekde la fino de la 1960-aj jaroj. Prezidanto de TEJO li estis en 1971-1973, poste honora prezidanto. Li estis estrarano de UEA (1980-1986), vicprezidanto (1998-2001) kaj prezidanto (2001-2007). Corsetti membris en multaj komisionoj de UEA kaj estis prezidanto (1980-1986) kaj vicprezidanto (ekde 2002) de Institucio Hodler '68. Estrarano kaj prezidanto de Itala Esperanto-Federacio li estis dum pluraj periodoj. Membro kaj sekretario de la Akademio de Esperanto li estas ekde 1999. En 2008 li ricevis la Premion Deguĉi. Li aŭtoris aŭ redaktis multajn librojn kaj artikolojn. En sia agado li aparte interesiĝas pri la disvastigo de Esperanto al ĉiuj kontinentoj kaj pri ĝia utiligo por certigi la lingvajn homajn rajtojn je ĉiu nivelo.

**Rob Moerbeek** (nask. 1936) laboris 32 jarojn kiel oficisto de UEA zorgante pri la ekspedofako de la Centra Oficejo kaj pri provlegado de *Esperanto* k.a. periodaĵoj kaj eldonaĵoj de UEA. Li prizorgis ankaŭ la Bibliotekon Hodler kaj la arkivon de CO. Post emeritiĝo en 2001 li laboras volontule en CO. Li korektas ankaŭ la revuojn *Monato, Internacia Pedagogia Revuo*, *Scienca Revuo*, *Fen-x* (E-o Nederland), *E-ista Vegetarano*, *La Kontakto* (nederlanda LIBE-sekcio) k.a. Agado por handikapuloj, precipe blinduloj, estas proksima al li. Li prizorgas voĉlegadon de *Esperanto* k.a. revuoj por blinduloj. Ekde 2001 li reprezentas Ligon Internacian de Blindaj Esperantistoj en la Komitato de UEA. Li estis privatdocento pri E-o ĉe la Universitato de Amsterdamo 1978-1998. En 2000 li ricevis la Premion Deguĉi.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## DIPLOMO DE UEA AL 12 ELSTARAJ AGANTOJ

En la inaŭguro de la 96-a UK oni anoncis la nomojn de tri novaj Honoraj Membroj de UEA. Alia formo de honorigo en UEA estas la Diplomoj pri Elstara Agado kaj Elstara Arta Agado. Ĉi-jare la Estraro decidis distingi per diplomo 12

Esperanto-aktivulojn.

**Diplomo pri Elstara Agado**: *Jorma Ahomäki* el Finnlando pro elstara loka agado kaj gazetara informado pri Esperanto; *Augusto Casquero* el Hispanio pro instruado de Esperanto en Ĉinio kaj Vjetnamio; *Helmar Frank* el Germanio pro elstara antaŭenigo de Esperanto kiel lingvo de scienco, precipe pere de la Akademio Internacia de la Sciencoj; *François Xavier Gilbert* el Francio pro longtempa gvidado de la Koresponda Servo Mondskala de UEA; *Heidi Goes* el Belgio pro sukcesa agado por disvastigo de Esperanto en Indonezio; *Mireille Grosjean* el Svislando pro laboro por Esperanto en Afriko kaj utiligo de Esperanto por interkultura edukado; *Andrzej Grzebowski* el Pollando pro antaŭenigo de turismo per Esperanto kaj pro agado sur la kleriga kampo; *Geza Kurucz* el Hungario pro modela redaktado de la revuo "Juna Amiko".

**Diplomo pri Elstara Arta Agado**: *Kim Henriksen* el Danio kaj *Jean-Marc Leclerc (JoMo)* el Francio pro longtempa kontribuo al la Esperanto-muziko; *Carmel Mallia* el Malto kaj *Abel Montagut* el Katalunio pro elstara kontribuo al la Esperanta poezio.

## DENOVE HELPO AL ESPERANTO-BIBLIOTEKOJ

Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen helpas denove Esperanto-bibliotekojn por pliriĉigi siajn kolektojn. Tiu fondaĵo de UEA subtenos ĉi-jare jam por la 15-a fojo bibliotekojn, kiuj ne estas financataj de ŝtata, urba aŭ alia publika instanco. Lastjare naŭ bibliotekoj ricevis librojn je la valoro 100 ĝis 200 eŭroj.

Por peti subvencion oni sendu priskribon de la biblioteko kaj liston de dezirataj libroj. Diskoj k.a. ne-libraj varoj ne estos konsiderataj. La petoj atingu la Centran Oficejon de UEA ĝis la 15-a de oktobro papere (Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando) aŭ rete al <direktoro@co.uea.org>.

Kun la vivo kaj agado de la dana Esperanta poeto Poul Thorsen (1915-2006), kiu kun sia edzino donacis la bazan bonhavon de la fondaĵo, eblas konatiĝi per la retejo <www.poulthorsen.dk>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVA REU-MEMBRO POR 2011

**INDIVIDUA MEMBRO**

*Filippov Aleksej (Altaja reg.)*

***Plena aktuala listo*** de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/membrolisto/>.



*Svetlana Smetanina salutas al UK en nomo de REU*

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2011

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 200 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj) ĝis la 28-a de februaro 2011, 250 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 25 eŭroj) ekde la 01-a de marto 2011; inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.

**Mecenata kotizo** – 500 rub.; inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo, krom unu escepto: sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".

**Dumviva kotizo** – 5000 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 500 eŭroj); inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 100 rub.; inkluzivas la membrokarton, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj.

**Kolektiva membrokotizo** – 70 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj); inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi al REU.

**Amiko de REU** – senpage; inkluzivas partoprenrajton (sen voĉdonrajto) en Konferenco de REU, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Oni rajtas aliĝi kiel "Amiko de REU" nur unufoje. Persono, sin anoncanta "Amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian retadreson.

**Rabatita abono de REGo** – 400 rub. (ekster Rusio – 20 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: ***142717, Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой***; eblas ankaŭ pagi per la sistemo **Yandex-denjgi**, numero de la "monujo" estas ***41001612527392***. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## NOVA ADRESARO DE PASPORTA SERVO APERIS

La ĉi-jara adresaro de Pasporta Servo enhavas 1087 gastigantojn en 672 urboj en 90 landoj. Ĝi estis redaktita de Alexandre Baudry kaj unuafoje prezentita dum la Internacia Junulara Kongreso en Kievo kaj la Universala Kongreso en Kopenhago. Kiel en multaj aliaj movadaj statistikoj, ankaŭ en la nova adresaro la unuan lokon okupas Francio kun 169 gastigantoj. Francio havas ankaŭ la plej grandan nombron de urboj (91), kie troviĝas gastiganto. La pakistana urbo Multan siavice estas la urbo kun plej multe da adresoj (21).

En la 188-paĝa poŝlibro troviĝas, krom la adresoj k.a. informoj pri la gastigantoj, ankaŭ mapoj kun indikoj pri iliaj loĝlokoj. Enestas ankaŭ reguloj kaj konsiloj pri la uzo de la servo.

La ideo pri Pasporta Servo, tiam sub la nomo Programo Pasporto, estis prezentita de la argentinano Rubén Feldman González en 1966. La unua adresaro laŭ la nuna sistemo, kun 40 gastigantoj, aperis en 1974 sub la gvido de Jeanne-Marie Cash el Francio. Ambaŭ pioniroj estas gastigantoj ankaŭ en la nuna eldono.

En 2009 Pasporta Servo fariĝis ankaŭ socia retejo <http://www.pasportaservo.org/>, kie kaj gastoj kaj gastigantoj povas membriĝi kaj kontakti unu la alian. Ĝi ne anstataŭas la presitan libron sed ofertas aldonajn servojn, haveblajn nur per Interreto: zomebla monda mapo, serĉilo, forumo por peti informojn pri vojaĝo, kaj blogejo por rakonti pri siaj vojaĝoj. La retpaĝo nun havas pli ol 2000 uzantojn.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO ONISABURO DEGUĈI AL HORI JASUO

La Estraro de UEA aljuĝas la Premion Onisaburo Deguĉi por agado, kiu per Esperanto antaŭenigis internacian amikecon kaj solidarecon en la spirito de D-ro L.L.Zamenhof kaj Onisaburo Deguĉi. La Premio estis starigita en la Jubilea Jaro de Esperanto en 1987 per donaco de Oomoto kaj konsistas el diplomo, monsumo 2000 eŭroj kaj donaceto de Oomoto.

Ĉi-jare la Premion Deguĉi ricevas Hori Jasuo el Japanio pro multjara agado por konigi la japanan kulturon tra la mondo per prelegvojaĝoj, artikoloj kaj libroj, inter kiuj elstaras lia almanako *Raportoj el Japanio*, aperinta jam en 14 volumoj ekde 1997. Krome, ĉi-jare oni povis preskaŭ ĉiutage legi en Esperanto liajn retajn raportojn pri la vivo post la tertremo, cunamo kaj atomcentrala katastrofo okazintaj en marto en lia lando.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

*Arsenij Dubin (Sankt-Peterburg)*

# Poeto kaj tradukisto D.I.Vigodskij

Li ne estas bone konata inter esperantistoj. Al li apartenas kelkaj E-tradukoj de rakontoj kaj versaĵoj el la rusa kaj aliaj lingvoj. Vigodskij faris tion dum juneco en la 1910-aj jaroj. Poste li ne partoprenis aktive en E-movado.

David Isaakoviĉ Vigodskij (1893-1943) estis unu el multaj agantoj de nia kulturo, kiuj tragike pereis dum la stalina terura tempo. En literatura movado li komencis kiel poeto kaj literaturesploristo. Poste, en la 1920-aj – 1930-aj jaroj, li estis konata kiel serioza kritikisto, fajna sciulo pri rusa poezio. Dum sia vivo li laboris kiel literaturesploristo, redaktoro kaj tradukisto el multaj okcidentaj kaj orientaj lingvoj al la rusa kaj reen.

Vigodskij estis inter la unuaj en Rusio esploristoj kaj propagandistoj de hispanlingva poezio kaj prozo. Li faris grandan kontribuon al la establo de kulturaj ligoj kun hispanlingvaj landoj, tradukis al la hispana versaĵojn de Blok, Baljmont, Majakovskij, Aĥmatova, Ĥlebnikov kaj aliaj rusaj poetoj de la 20-a jarcento.

Sed lia fruktodona agado estis rompita en 1938, kiam Vigodskij estis reprezaliita. Post tio oni fakte forgesis pri li, lia nomo forestas en Granda Sovetia Enciklopedio kaj Kurta Literatura Enciklopedio. La unua artikolo pri Vigodskij aperis nur en 1992.

David Vigodskij naskiĝis la 23-an de septembro 1893 (laŭ malnova stilo) en Gomelj, en familio de oficisto. Li kun ora medalo finis gimnazion en Gomelj kaj studentiĝis en Peterburga universitato (fakultato de fiziko kaj matematiko). Sed post unu jaro Vigodskij transiris al la histori-filologia fakultato, fako pri romidaj kaj ĝermanaj lingvoj

Dum la infaneco David Vigodskij ekinteresiĝis pri la internacia lingvo. Li multe tradukis el la rusa lingvo al Esperanto, estis membro de UEA. Inter liaj dokumentoj en Rusia nacia biblioteko en Sankt-Peterburg mi vidis liajn UEA-

membrokartojn por la jaroj 1911 kaj 1912. Vigodskij estis unu el la unuaj esperantistoj en Gomelj, en 1912 li estis UEA-Delegito en sia regiono.

Inter liaj dokumentoj troviĝas kelkaj dikaj kajeroj kun Esperanto-tradukoj de versaĵoj de Lermontov, Nekrasov, Brjusov, Baljmont, Gippius, Heine kaj aliaj poetoj. Estas tie ankaŭ tradukoj de mallongaj rakontoj, anekdotoj, spritaj esprimoj. Kelkaj tradukoj de Vigodskij aperis en E-gazetaro dum 1911-1914, sed plej multaj restis nepublikigitaj.

Nivelo de lia tradukarto videblas ekzemple laŭ komencaj linioj de la "Kanto pri Albatroso" de M.Gorjkij, tradukita en 1910 (mi ne scias, ĉu la traduko estis publikigita aŭ ne):

*Super griza vasta maro*
*Vento nubojn kolektadas.*
*Jnter nuboj kaj la maro*
*Fiere flugas Albatroso,*
*Similanta nigran fulmon.*

En la eldonata en Gomelj gazeto "Polesje" 01.01.1912 estis publikigita artikolo de Vigodskij (kun la subskribo D.V.) pri la lingvo Esperanto. Supozeble tio apartenas al la unuaj priesperantaj artikoloj en Gomelj. La aŭtoro estis tiam 18-jara. En aliaj lokaj gazetoj "Gomeljskoje slovo", "Gomeljskaja kopejka", "Kovno-esperanto" en 1912-1913 aperis multaj ruslingvaj artikoloj de Vigodskij pri rusa prozo kaj poezio, subskribitaj per la pseŭdonomoj D.V. kaj Liŝnij (Superflua).

En kelkaj Esperantaj revuoj en 1913 estis publikigita jena lia alvoko:

*"Dum aŭtuno de la nuna jaro s-ro Vigodskij komencos eldoni serion de libroj "Rusaj poetoj". Ĉiu libreto enhavos versaĵojn de nur unu poeto en tradukoj de diversaj samideanoj. La unuajn librojn ni dediĉos al Baljmont kaj Lermontov. Poste ni intencas esperantigi Sologub, Blok, Gippius, Brjusov, Tjutĉev, Fet k.t.p. Li petas esperantajn tradukistojn sendadi al li tradukojn de lirikoj, malgrandaj poezioj – precipe el la suprenomitaj poetoj. La adreso estas: Гомель, Могилевской губернии, Д.И.Выгодскому".*

Sed tiu ĉi ideo ne estis realigita. En la privata arkivo de Vigodskij mi ne trovis senditajn al li tradukojn.

Estante studento de Sankt-Peterburga universitato Vigodskij aktive kunlaboris en ĉefurbaj gazetoj – kontraŭmilita revuo "Letopisj", tagĵurnalo "Novaja ĵiznj", kiujn eldonis M.Gorjkij, kaj ankaŭ en gomelaj gazetoj. Li publikigis multajn artikolojn, kritikajn notojn pri literaturaj kaj kulturaj eventoj.

En 1917-1921 Vigodskij loĝis en la naskiĝurbo Gomelj kune kun sia kuzo L.S.Vigotskij (konata estonte kiel fama soveta pedagogo kaj psikologo, ankaŭ esperantisto), redaktis la gazeton "Gomeljskaja mislj", kunlaboris en "Polesje".

En 1921 Vigodskij revenis en Petrogradon, daŭrigis la studadon en la universitato (kiun li finis en 1922), revenis al la literaturaj kaj sciencaj laboroj. Li ekloĝis en t.n. "Domo de artoj" (iama domo de fama peterburga negocisto Jelisejev). En la domo tiutempe loĝis multaj junaj energiaj agantoj de rusa kulturo. Dum tiuj malsataj jaroj ili kreadis, propagandis arton, eldonis almanakojn. En la romano de Oljga Forŝ "Sumasŝedŝij korablj" ("Freneza ŝipo", 1930), kie estas rekonstruita atmos-

fero kaj ĉiutaga vivo de la Domo, estis menciita ankaŭ D.Vigodskij – "filozofo David, entuziasme okupiĝanta pri hispanaj materialoj". Multaj sovetiaj verkistoj kaj poetoj, loĝintaj tiutempe en la Domo de artoj, aŭ vizitintaj ĝin – A.Aĥmatova, V.Ŝklovskij, M.Slonimskij, B.Lifŝic, O.Mandeljŝtam, L.Lunz, M.Ŝaginjan, O.Forŝ, V.Kaverin, K.Ĉukovskij, N.Tiĥonov k.a. – fariĝis amikoj de Vigodskij.

La plej arda kaj konstanta ŝato de Vigodskij dum tuta lia vivo estis kulturo de hispanlingvaj landoj. Estante kutime kvieta kaj humila homo, li (laŭ rememoroj de lia amiko M.Slonimskij) flamiĝis kaj transformiĝis al fajrospira vulkano, se la konversacio tuŝis Hispanion, Filipinojn aŭ Latinamerikon.

En la 1920-aj – 1930-aj jaroj en tradukoj de Vigodskij estis ruslingve eldonitaj noveloj kaj romanoj de hispanaj kaj latinamerikaj verkistoj B.Galdos, B.Ibáñes, R.Sender, H.Arderíus k.a. Mirinda poligloto, D.Vigodskij tradukis ankaŭ el aliaj lingvoj – la germana (J.Becher, B.Kellermann, G.Meyrink), la franca (A.Malraux, P.Vaillant-Couturier), la portugala (Eça de Queirós). Multfoje li artikolis en hispana kaj latinamerika gazetaro pri sovetia kultura vivo. Tiutempe Vigodskij ĉesis okupiĝi pri Esperanto, kvankam daŭre restis membro de SEU, en lia arkivo konserviĝis membrokartoj de SEU por la jaroj 1924-1926.

Dum kelkaj jaroj en Leningrad ekzistis Hispan-amerika societo, kies tasko estis esplorado de kulturo, literaturo kaj ekonomio de hispanlingvaj landoj kaj disvastigo de scioj pri tiuj landoj en Soveta Unio. En la societo partoprenis preskaŭ 100 personoj, inter kiuj estis esploristo pri literaturo kaj teatro K.N.Derĵavin, etnografo kaj verkisto V.G.Bogoraz-Tan, orientalisto M.A.Salje, verkistino E.I.Vigodskaja (edzino de D.Vigodskij). En 1931 D.I.Vigodskij estis elektita kiel prezidanto de la societo. Tamen en la 1930-aj Hispan-amerika societo estis likvidita, multaj ĝiaj membroj estis reprezaliitaj.

En aŭgusto de 1934 D.Vigodskij partoprenis en laboro de la 1-a Tutsovetia kongreso de sovetiaj verkistoj.

Februare de 1938 Vigodskij estis arestita kaj akuzita pri kontraŭrevolucia trockiisma agado sub ŝirmo de Hispan-amerika societo, pri preparado de teroristaj agoj kontraŭ ŝtatgvidantoj. Pli ol du jarojn li pasigis en leningrada malliberejo.

Sed lia aresto kaŭzis protestojn de sovetiaj verkistoj kaj sociagantoj – J.Tinjanov, V.Ŝklovskij, B.Lavrenjov, K.Fedin, M.Zoŝĉenko, M.Slonimskij, aktorino J.Korĉagina-Aleksandrovskaja, kiuj skribis emociplenajn defendajn tekstojn pri D.Vigodskij, kio postulis tiutempe certan civitanan aŭdacon. Verŝajne tiuj petskriboj helpis al Vigodskij, ĉar malgraŭ la seriozaj akuzoj li estis kondamnita je nur kvin jaroj da maliberigo. Sed eĉ tio estis tro por la poeto kun ne tre forta sano – David Vigodskij mortis en julio 1943 en koncentreja hospitalo en la kazaĥia urbo Karaganda.

Necesas rimarki, ke dum aresto de Vigodskij liaj paperoj kaj dokumentoj ne estis konfiskitaj. Tio signifas, ke liaj versaĵoj, artikoloj kaj tradukoj ne interesis aŭtoritatojn, ili ne supozis trovi en liaj paperoj atestojn pri kontraŭrevolucia terorista agado.

Nuntempe la arkivo de Vigodskij troviĝas en sekcio de manuskriptoj de Rusia Nacia Biblioteko en Sankt-Peterburg. Tie estas liaj kajeroj kun tradukoj, artikoloj,

versaĵoj, lia taglibro, multlingvaj korespondaĵoj, gazetaj eltondaĵoj kun liaj artikoloj kaj tradukoj. Konserviĝis ankaŭ kelkaj leteroj de Vigodskij, skribitaj al la edzino kaj filo el koncentrejo.

En la arkivoj estas ankaŭ korespondaĵoj de lia filo – juristo I.D.Vigodskij, kie troveblas interesaj faktoj pri historio de E-movado en Belorusio. Jen ekzemple, fragmento el la letero (datita de 1961) de Pavel Kirjuŝin, malnova amiko de D.Vigodskij, ankaŭ esperantisto kaj hispanisto, pedagogo de minska instituto: "En 1958 ni decidis restaŭri Union de esperantistoj en Belorusio. Tiu Unio ne estis likvidita aŭ malpermesita. Ni sendis nian statuton al la belorusia registaro, sed respondon ne ricevis... Nun ni ekzistas fakte, sed sen statuto. Oni ne permesadas al ni plene restaŭri agadon de la Unio de belorusiaj esperantistoj." El alia lia samjara letero: "Mi estas prezidanto de la Unio de esperantistoj. Nun ni kompiladas albumon pri veteranoj de E-movado en Belorusio... Mi ŝatus ricevi foton de D.I.Vigodskij por loki ĝin en nian albumon." En la korespondaĵoj estas ankaŭ mencioj pri leteroj de Zamenhof al Vigodskij, konfiskitaj dum la aresto, sed sorto de tiuj leteroj restis nekonata. Estas interesa ankaŭ skribita en 1961 letero de N.A.Mnuĥin, maljuna esperantisto el la urbo Reĉica de Gomela regiono: "Mi esperantistiĝis en 1904. D.I.Vigodskij estis mia amiko. Li estis unua esperantisto, kun kiu mi konatiĝis persone kaj havis viglan korespondadon. Kelkfoje ni renkontiĝis en Gomelj. Ĝis nun antaŭ miaj okuloj staras ridetanta gimnaziano kun gazeto en manoj – kiel mi renkontis lin unuafoje ĉe stacidomo."

En 1957 la juĝafero de Vigodskij estis reviziita. Li estis rehabilitita kaj rekonfirmita kiel membro de Unio de sovetiaj verkistoj. Post tio aperis fragmentaj informoj pri D.Vigodskij en rememoroj de verkistoj M.Slonimskij, N.Zabolockij, M.Ŝaginjan, V.Ŝklovskij.

En 1964 estis kreita komisiono de la Unio de verkistoj pri literatura heredo de D.Vigodskij. Oni decidis kolekti kaj eldoni liajn verkojn el diversaj rusiaj, hispanaj, meksikaj, argentinaj ĵurnaloj kaj revuoj. Sed ĝis nun tiu decido ne estas plenumita. La vivo kaj kreado de Vigodskij ĝis nun ne estas serioze esploritaj. Ne estas kolektitaj kaj publikigitaj liaj verkoj – tradukoj, originala poezio, artikoloj pri literaturo kaj esperantologio k.t.p. Verkoj kaj sorto de talenta verkisto kaj tradukisto D.I.Vigodskij, viktimo de la kruela politika reĝimo, ankoraŭ atendas profundan esploron.

---

## ***Tradukoj de D.Vigodskij***

### ***F.I.Tjutĉev***

***

Ne vane vintr' koleras,
Forpasis ĝia temp'.
Ĝin pelas for de l' mondo
Kaj venas la printemp'.

Kaj ĉio ekmoviĝis
Por peli vintron for.
Alaŭdoj la ĉielon
Plenigis per sonor'...

Printempon insultegas
La vintro kun avid'.
Printempo plue bruas,
Respondas per la rid'.

Ekkaptis sorĉistino
La neĝon en la man'
Kaj pelis forkurante
En la printemp'-infan'.

Printempo ne ektimis,
Sin lavis per la neĝ',
Fariĝis ĝi pli bela.
Ĝi estis ĝia venĝ'!


*David Vigodskij (dekstre) kun la frato kaj kuzo*

### *M.J.Lermontov*

#### Preĝo

En malfacila momento de l'vivo,
Kiam malĝojo en koron eniras,
Unu belegan preĝaĵon al Dio
Ĉiam parkere mi diras kaj diras.
Estas forteco ĉar bonodorebla
En kunsoneco de l' vortoj vivantaj,
Kaj en sankteco, en ili spiranta,
Estas sanktega kaj nekomprenebla.
Kiel multpeza kaj granda portaĵ'
Tre malproksimen rapide elrulas
El la animo antaŭa dubaĵ',
Plori kaj kredi jam estas facile...

### *A.S.Puŝkin*

***

En monda malĝoja senborda stepego
Mi vidis tri fontojn, mistere fluantajn.
La font' de l' juneco rapida, muĝega,
Jen bolas murmure kaj kuras brilante.
La fonto kastala per ondo alarma
Inspire de l' mond' elpelitojn trinkigas.
Kaj lasta – la font' de l' forgeso malvarma,
Plej dolĉe la koron ĝi rekvietigos.

*N.A.Nekrasov*

**Sonĝo**

Mi sonĝis: sur bordo starante,
En maron faliĝi mi volis.
Subite anĝelo kantanta
Proksime de mi ekaperis.
“Atendu printempon! Mi venos
Kaj diros: vi homo fariĝu!
Vualon malklaran forprenos
De via mi kap’ laciĝinta;
Kaj voĉon mi donos al muzo,
Kaj horojn feliĉajn denove
Vi havos, la spikojn falĉante
De l’ kampo, je fruktoj riĉega.”




*V.J.Brjusov*

**Don Ĵuano**

Mi estas maristo, serĉanta insulojn,
En maro vastega vagul’ aroganta.
Mi serĉas novterojn kaj montojn gigantajn,
Kaj lingvojn tre strangajn kaj florojn-belulojn.
Kaj venas virinoj al krio vokanta,
Humilaj, kun sola peteg’ en okuloj!
Kaj ĉion fordonas virinoj en bruloj,
Forlasas l’ animon kovril’ brilianta.
Amante l’ anim’ senvestiĝas ĝis fund’.
Kaj hela fariĝas anima profund’.
En ĝi ĉio estas unika, fatala.
Ho jes! Pereigas mi, trinkas la vinojn!
Sed ĉiu anim’, ĉiu mondo naiva
Alvokas min per la mister’ malegala.

*H.Heine*

***

Kiu amas unuan fojon,
Kvankam malfeliĉe, estas Di’.
Sed la duan fojon kiu amas
Senfeliĉe – estas malsaĝul’.
Mi, la malsaĝulo, amas
Ree sen responda am’.
Suno, lun’ kaj steloj ridas,
Mi kunridas, kaj – mi mortas!

***

La mort' estas nokto malvarma,
La viv' estas tag' radianta.
Mi jam en mallum' ekdormetis.
Lacigis min tag' forpasanta.
    Kaj super la lit' kreskas arbo,
    Kaj kantas en ĝi najtingalo...
    La kanton en sonĝo mi aŭdas,
    Ĝi kantas pri am' ideala.

***

Hom', diablon vi ne moku:
Pasos baldaŭ viv' afabla,
Kaj postmorta la turmento.
Ja ne estos knaba fablo.
    Hom', la ŝuldojn viajn pagu:
    Daŭros longe viv' malĝoja,
    Kaj vi devos ree prunti,
    Kiel pruntis jam multfoje.

## DU KONKURSOJ NULIGITAJ

Dum la lastaj jaroj konsiderindan popularecon en Esperantujo ĝuis du tradiciaj konkursoj, ĉiujare organizataj de "La Ondo de Esperanto": Literatura konkurso "Liro" <http://esperanto.org/Ondo/Ind-liro.htm> kaj Internacia Fotokonkurso <http://esperanto.org/Ondo/Ind-fk.htm>. Bedaŭrinde, en 2011 ĉi tiuj konkursoj ne okazos pro la malfavoraj vivocirkonstancoj de Halina Gorecka, kiu dum pli ol dek jaroj plenumis la sekretariajn devojn en ambaŭ konkursoj. La redakcio de "La Ondo" petas pardonon kaj komprenemon de tiuj, kiuj planis partopreni.

***"La Ondo de Esperanto"***

## SUBVENCIO CIGNO EN 2011

Subvencio Cigno estis starigita per donaco de la japana esperantista mecenato Etsuo Miyoshi por subteni Esperanto-projektojn en la Tria Mondo kaj la iamaj socialismaj landoj de Eŭropo. Ĝi valoras 500 000 enojn, t.e. ĉirkaŭ 4500 eŭrojn.

Ĉi-jare la Estraro de UEA dividis la subvencion inter tri ricevantoj:

*Fondaĵo Ameriko* por vojaĝkostoj lige kun la 8-a Tutamerika Kongreso de Esperanto (TAKE) en San-Paŭlo, Brazilo, kaj por eldono de lernomaterialoj por hispanlingvanoj;

*Esperanta filmfestivalo* lige kun la 8-a TAKE;

*Dokumenta Esperanto-Centro* en Zagrebo, Kroatio, por plibonigi siajn materialajn kondiĉojn kaj pligrandigi siajn kolektojn.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2011

## POEZIO


*Alelsandr Mitin (Niĵnij Novgorod)*

***Unua premio:*** **Jorge Camacho Cordón** (Hispanio) pro *Sezonoj*; ***Dua premio:*** **Ulrich Becker** (Usono) pro *Adiaŭa festo*; ***Tria premio:*** **Jorge Camacho Cordón** pro *Lokoj*; ***Honora mencio:*** **Aleksandro Mitin** (Rusio) pro *Vivhorloĝo*. Partoprenis 43 verkoj de 18 aŭtoroj el 14 landoj.

## PROZO

***Unua premio:*** ne aljuĝita; ***Dua premio:*** **Sten Johansson** (Svedio) pro *Brokante*; ***Tria premio:*** **Sten Johansson** pro *Nova amiko de Sinjoro Brunner*; ***Honora mencio:*** **Ulrich Becker** pro *Malapero de knabo*. Partoprenis 20 verkoj de 13 aŭtoroj el 10 landoj.

## ESEO

***Premio "Luigi Minnaja":*** **Davide Astori** (Italio) pro *La Zamenhofa revo inter lingvistika kaj religia planado*; ***Dua premio:*** **Jan Werner** (Slovakio) pro *Konfuzigaj faktoroj en lingva komunikado*; ***Tria premio:*** **Filippo Franceschi** (Italio) pro *Post legado de "La mava lingvo"*; ***Honora mencio:*** **Adrienne Pásztor** (Hungario) pro *Tutmondaj defioj de la klimatŝanĝiĝo*. Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 3 landoj.

## TEATRAĴOJ

***Unua premio:*** ne aljuĝita; ***Dua premio:*** ne aljuĝita; ***Tria premio:*** **Doron Modan** (Israelo) pro *Justa juĝo*; ***Honora mencio:*** **João José Mendes Quiterno dos Santos** (Portugalio) pro *Aŭtodafeo*; ***Honora mencio:*** **Georgo Handzlik** (Pollando) pro *Kompleta (preskaŭ) historio de Universalaj Kongresoj de Esperanto*. Partoprenis 8 verkoj de 8 aŭtoroj el 6 landoj.

## KANTO

***Premio "An-okin pri Kanto":*** ne aljuĝita; ***Dua premio:*** **Rogerio Borges kaj Eric Languillat** (resp. muziko kaj teksto; Francio) pro *Tatua Papili'*; ***Tria premio:*** ne aljuĝita. Partoprenis 4 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

## FILMO

***Unua premio:*** **Roman Dobrzyński** (Pollando) pro *Japana pritempo – Oomoto 2009*; ***Dua premio:*** ne aljuĝita; ***Tria premio:*** ne aljuĝita. Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

## INFANLIBRO DE LA JARO

*Avo Paŭlo*, verkita kaj eldonita de **Margrit Vollertsen-Diewerge**, trad. **Pit Hauge** (Germanio). Partoprenis 5 verkoj de 5 eldonejoj el 5 landoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

